3.ª Epoko * N.° 93 Februaro * 1925

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## Al la hispana esperantistaro

Kiam ni, la propagandistoj de Esperanto en Hispanujo, publike kaj private, sciigis la nekonatulojn de Esperanto pri ĝiaj kondiĉoj, gramatiko kaj simpla vortaro, en la epoko de 1904ª jaro ĝis 1914ª, la aŭskultintoj, kiuj ekkomprenis la gravan intereson de ĝia elpensaĵo, plendis ĉar la Registaroj ne alprenis la decidon enkonduki ĝin, kiel deviga, en la publikajn kaj oficialajn lernejojn. Tamen, en tiu epoko, la listoj de niaj grupoj kaj societoj pleniĝis de multenombraj aliĝintoj al la nova ideo kaj la propagando atingis kontentigan rezultaton.

Venis la milito, kaj interrompiĝis niaj internaciaj rilatoj, la malpacienculoj malvarmiĝis kaj ĉio aspektis kontraŭa al la realigo de nia idealo. Dum la kvin militaj jaroj ŝajnis disfali la esperantista konstruaĵo kaj oni bezonis aliajn kvin jarojn por rekonstrui ĝin de nove. Intertempe la ĉefaj pioniroj de nia movado mortis aŭ malaperis el nia flanko tiel, kiel la internaciaj organizaĵoj estrataj de ili.

## A los esperantistas españoles

Cuando los propagandistas del Esperanto en España, pública y privadamente, comunicábamos a los que no conocían el Esperanto sus condiciones, grámatica y sencillo diccionario, en la época desde 1904 a 1914, los que nos escuchaban, llegando a comprender el interés grande de su invento, se lamentaban porque los Gobiernos no tomaban la decisión de introducirlo, como obligatorio, en las escuelas públicas oficiales. Sin embargo, en aquella época, las listas de nuestros grupos y sociedades se llenaban de numerosos adheridos a la nueva idea y la propaganda alcanzó un resultado halagador.

Vino la guerra, y se interrumpieron nuestras relaciones internacionales, los impacientes se enfriaron y todo parecía contrario a la realización de nuestro ideal. Durante los cinco años de guerra pareció derrumbarse el edificio esperantista, necesitándose otros cinco años para reconstruirlo de nuevo. Entre tanto, los principales campeones de nuestro movimiento morían o desaparecían de nuestro lado,

Sed iom post iom tiuj maloportunaj cirkonstancoj malaperis kaj nune ni revenas al la paca lutkampo de nia merita entrepreno: la malnovaj samideanoj engrupiĝas en rondoj kaj naciaj societoj; la internaciaj esperantaj organizaĵoj reviviĝas, aperas novaj kaj malnovaj esperantistaj gazetoj; refunkciadas la esperantaj oficejoj tutmondaj, kaj kolektiĝas la esperantistaro en la universalaj kongresoj de esperanto...

Oni povas diri ke kiam okazis la universala kongreso en Praha, ĉio estis jam en ordo.

Kio mankas al la malkontentuloj?

Nenio. Ĉar kvankam la Registaroj ankoraŭ ne decidis la oficialigon de Esperanto kaj ĝian enkondukon en la publikajn lernejojn, la Ligo de Nacioj jam alprenis gravajn decidojn rilate al ĝi; la Oficialaj komercaj ĉambroj el diversaj nacioj kunvenis en Venezio por konsideri Esperanton kiel internacian komercan lingvon; la radio-asocioj alprenas ĝin kiel utila al tiu nova komunikaĵo, kaj fine en la nuna jaro oni organizas kaj efektivigos en Parizo gravegajn kunvenojn kaj konferencojn por pritrakti la oficialigon de nia lingvo en tiuj oficialaj rondoj.

Ĉu ankoraŭ mankas io pli al la malkontentuloj?

Tamen eĉ kelkaj hispanaj esperantistoj, kiuj estis jam konvinkitaj pri la utileco de esperanto en la antaŭmilita epoko, nune montriĝas skeptikuloj.

Kial?

Tiu-ĉi demando bezonas respondon.

La Suno Hispana atendas tiun respondon de la hispana esperantistaro.

Silenti kaj kritiki oni ne devas.

Ĉiujn ni alvokas.

La malkonfidemuloj devas apartiĝi je nia vojo; tamen la aktualaj malkonfidaj

así como las organizaciones internacionales dirigidas por ellos.

Pero poco a poco aquellas circunstancias inoportunas desaparecieron, y actualmente volvemos al pacífico palenque de nuestra meritoria labor: los antiguos colegas se agrupan en círculos y sociedades nacionales; las organizaciones internacionales reviven; aparecen antiguas y nuevas revistas esperantistas; tornan a funcionar las oficinas de esperanto de todo el mundo, y los esperantistas se congregan en el Congreso Universal de Esperanto...

Puede decirse que cuando se celebró el congreso universal en Praga, el orden era ya completo.

¿Qué hace falta a los descontentadizos?

Nada. Pues aún cuando los Gobiernos todavía no han acordado la oficialidad del Esperanto y su inclusión en las escuelas públicas la Liga de Naciones ya tomó importante decisión relativa a él; las Cámaras Oficiales de diversas naciones concurrieron a Venecia para considerar al Esperanto como lengua comercial internacional; la asociación de radio lo adopta como útil a esta nueva comunicación, y finalmente, en el año presente se organizan y tendrán lugar en París importantes reuniones y conferencias para tratar la oficialización de nuestra lengua en aquellas esferas oficiales.

¿Falta aún algo más a los descontentadizos?

Ello no obstante, algunos esperantistas españoles que estaban ya convencidos acerca de la utilidad del esperanto, en la época anterior a la guerra, actualmente se encuentran escépticos.

¿Por qué?

Esta pregunta necesita una contestación.

El Sol Español espera esta respuesta de los esperantistas españoles.

Callar y criticar, no se debe.

Llamamos a todos.

Los desconfiados deben apartarse de nuestro camino; sin embargo, los espe-

esperantistoj devas deklari la kialon de ilia malkonfido, kaj proponi al ni la decajn rimedojn, kiuj, laŭ ilia opinio, povas plibonigi la nunan situacion de nia movado.

La Suno Hispana publikigos ĉiujn artikolojn, kiujn sendos al ĝi la hispanaj esperantistoj, rilate al tiu-ĉi afero.

Karaj hispanaj samideanoj, parolu! Ne silentu!

Silento estas morto.

L. S. H.

rantistas que ahora desconfían deben declarar la causa de su desconfianza y proponernos los remedios convenientes, que, según su opinión, pueden mejorar la actual situación de nuestro movimiento.

El Sol Español publicará todos los artículos que le remitan los esperantistas hispanos, relativamente a este asunto.

¡Queridos colegas españoles, hablad! ¡No os calléis!

El silencio es la muerte.

L. S. H.

## PETO

Ni petas niajn legantojn hispanajn ke ili bonvolu komuniki al ni la novaĵojn okazantajn ĉe ilia hejma urbo rilate al Esperanto por publikigi ilin en nia gazeto.

## SUPLICA

Suplicamos a nuestros lectores españoles se sirvan comunicarnos las novedades que ocurran en la población donde habiten, relativas al Esperanto, para publicarlas en nuestra revista.

## Iberia Konfederacio

Kun relativa malfacileco la hispanaj esperantistoj iras la vojon de organizado. En ĉiuj landoj estas formitaj grupiĝoj enhavantaj la plej grandan parton da esperantistoj. Sole en Hispanujo ekzistas ankoraŭ nenia ĝenerala grupiĝo ĉar la Hispana Societo por propagando de Esperanto ekzistinta jam malaperis kaj estis tre simpla.

La Kongreso de Bilbao celis firmigi la grupiĝon «Iberia Konfederacio» enhavonta Hispanujon kaj Portugalujon sed ankoraŭ restas io farota.

Oni diras al ni ke la Registaro postulas la laŭleĝan starigon de ĉiu federacio antaŭ ol la konfederacia regularo estu aprobata. Konforme kun tia logika postulo la Baska Federacio sendis por aprobo la regularon kaj la provincestro aprobis ĝin en la sama tago de la sendo.

## Confederación ibérica

Con relativa dificultad siguen los esperantistas españoles el camino de la organización. En todos los países se han formado agrupaciones que comprenden a la mayor parte de los esperantistas. En España no existe todavía una agrupación general, porque la Sociedad Española para la propaganda del Esperanto ya desapareció y además era demasiado simple.

El Congreso de Bilbao tendió a afirmar la agrupación «Confederación Ibérica», que había de comprender a España y Portugal, pero queda todavía bastante por hacer.

Se nos dice que el Gobierno, antes de aprobar el Reglamento de la Confederación, exige el establecimiento legal de cada federación. De acuerdo con tan lógica exigencia, la Federación Vasca envió su Reglamento a la aprobación y el Gobernador lo aprobó el mismo día del envío.

Ni baldaŭ sendos po unu ekzemplero al ĉiu Federacio de la Konfederacio.

Mi en rilato kun onidiroj menciitaj per Kataluna Esperantisto kopias ĉi sube unu el la artikoloj de la regularo:

«La Baska Esperantista Federacio celas... kunigi ĉiujn grupojn de la Baskaj Provincoj. En tiu rilato ĉiu grupo regas sin per sia regularo. Ĝi povas esti partia aŭ senpartia pri politiko aŭ aliaj ideoj, sed la Federacio estas tute senpartia en la senco ke ĝi ne ilin defendos, juĝos aŭ kritikos, tial do en la federaciaj kunsidoj, kongresoj k. t. p., estos malpermesite okupi sin pri politiko aŭ aliaj partiaj ideoj. En la federaciaj kongresoj kaj kunsidoj oni celos nur la propagandon de Esperanto kaj neniel tiun de aliaj ideoj».

Nur tiel povos ĉiuj iberiaj esperantistoj aparteni al la Konfederacio.

Ni akceptas ke grupo kun regularo aprobita de la Registaro estas laŭleĝe starigita kaj al ni ne koncernas esplori ĝian funkciadon, celon k. t. p., ĉar nia afero estas nur Esperanto kaj pri tio ili ĉiuj estas decaj kiam ili venas en federacion aŭ konfederacion.

Ĉiu scias que la Konfederacio decidis krei gazeton, organo de la Konfederacio. Ŝajne la gazeto «Kataluna Esperantisto» celas daŭrigi kiel organo nur de la katalunparolantoj pro tio SUNO HISPANA estas la sola ebla gazeto, kiu povas fariĝi tia organo. Por tio estos nepre, laŭ la Konfederacia regularo, verki ĝin tute en Esperanto kaj konforme kun la nomo de la Konfederacio konvenas ŝanĝi la nomon de SUNO HISPANA en «Suno Iberia»n.

Memkompreneble, por tion solvi estas necesa konsento inter la Konfederacia Komitato kaj SUNO HISPANA.

Pronto enviaremos un ejemplar a cada una de las Federaciones de la Confederación.

Con relación a los rumores mencionados por «Kataluna Esperantisto», copio a continuación uno de los artículos del Reglamento:

«La Federación Esperantista Vasca se propone... reunir todos los grupos de las Provincias Vascas. A este respecto, cada grupo se rige por su Reglamento propio. Puede ser partidario o imparcial en política u otras ideas, pero la Federación es completamente imparcial en el sentido de que ella no los defenderá, juzgará ni criticará; por tanto, en las reuniones de la federación estará prohibido ocuparse de política, u otras ideas de parcialidad. Las reuniones y congresos federales sólo tendrán por objeto la propaganda del Esperanto, pero ninguna otra clase de ideas».

Sólo así podrán pertenecer a la Confederación todos los esperantistas ibéricos.

Nosotros aceptamos que todo Grupo con Reglamento aprobado por el Gobierno, está constituído legalmente y no nos incumbe explorar su funcionamiento, propósitos, etc., porque nuestro objetivo es solamente el Esperanto, y para esto todos son aptos cuando vienen a la Federación o Confederación.

Todos saben que la Confederación decidió crear un periódico, órgano de la Confederación. Al parecer la revista «Kataluna Esperantisto» se propone continuar como órgano únicamente de los de habla catalana, por lo cual LA SUNO HISPANA es el único periódico que puede hacerse su órgano. Para esto, según el Reglamento de la Confederación, será necesario redactarlo completamente en Esperanto y, de acuerdo con el nombre de la Confederación, convendrá cambiar el nombre de SUNO HISPANA en «Suno Iberia».

Claro está que, para resolver esto, es necesario un convenio entre el Comité de la Confederación y LA SUNO HISPANA.

Jen ĉio, kio pri organizado en Hispanujo ekzistas ĝis nun.

VÍCTOR O. DE ALLENDE.

---

He aquí todo lo que, relativo a organización, existe en España hasta ahora.

---

Ni publikigas la supran artikolon de nia amiko la konata esperantisto el Bilbao S-ro. Viktor O. de Allende, ni montras nian konsenton al la ideo ĝin reganta kaj profunde ni dankas la estimon, kiun de li ricevas LA SUNO HISPANA, sed rilate al la idiomo per kiu devas esti verkata gazeto presorgano de la Konfederacio, ni devas ripeti tion, kion ni diris en nia numero de pasinta aŭgusto kaj konfirmi nian kredon ke gazeto celanta transpasi la landolimojn kaj esti legota de esperantistoj el diversaj nacioj, parolantaj idiomojn tute malsamajn, devas esti verkata ekskluzive en Esperanto, sed tiu, kiu limigas sian agadkampon al nia duoninsulo, estas konvene alportu flanke de Esperanto la tradukon en la oficiala idiomo; tio estas nia intima konvinko kaj tion saman faras ankaŭ ĉiuj diversnaciaj gazetoj esperantistaj.

Koncerne al LA SUNO HISPANA ni devas deklari precize kaj nedubeble ke ĝi naskiĝis kun tiu-ĉi titolo kaj kun dulingva vestaro, ke ĝi travivis longajn jarojn ricevinte sennombrajn pruvojn de aprobo kaj ke ni, simplaj daŭrigantoj de la glora verko de niaj antaŭuloj, alprenis honoran kompromiton daŭrigi ĝin, kiel niaj fortoj tion permesos, sed ne deflankiĝante el la celita vojo. Tiu decido rilatas al LA SUNO HISPANA, sed neniam ni estos baro por ke alia gazeto, aŭ aliaj esperantistoj, pli kapablaj ol ni, faru la propagandon en formo, kiun ili konsideros pli efika por la triumfo de Esperanto, por kies celo ni direktas ĉiujn niajn klopodojn.

LA REDAKCIO.

Publicamos el anterior artículo de nuestro amigo el conocido esperantista de Bilbao, D. Víctor O. de Allende; mostramos nuestra conformidad a la idea que lo informa y agradecemos profundamente la estimación de que es objeto LA SUNO HISPANA; mas en lo tocante al idioma en que se debe redactar un periódico órgano de la Confederación, hemos de repetir lo que decíamos en nuestro número de agosto pasado y afirmar nuestra creencia de que, un periódico que aspire a traspasar las fronteras y ser leído por esperantistas de diversas naciones, hablando idiomas completamente distintos, debe ser redactado exclusivamente en Esperanto, pero el que haya de circunscribir su acción a nuestra Península, conviene lleve al lado del Esperanto la traducción en el idioma oficial; es nuestra íntima convicción y esto hacen también todos los periódicos esperantistas de todas las naciones.

En lo referente a LA SUNO HISPANA, hemos de declarar de una manera precisa e indubitable que nació con este título y con ropaje bilingüe, que ha vivido largos años obteniendo innumerables muestras de aprobación y que nosotros, meros continuadores de la gloriosa obra de nuestros antecesores, hemos contraído el compromiso de honor de continuarla, como nuestras fuerzas lo permitan, pero sin desviarnos del camino trazado. Esta decisión se refiere a LA SUNO HISPANA, pero nunca seremos obstáculo para que otro periódico, u otros esperantistas más capacitados que nosotros, hagan la propaganda en la forma que crean más eficaz para el triunfo del Esperanto, a cuyo fin van encaminados todos nuestros esfuerzos.

LA REDACCIÓN.

◆ ◆ ◆ ◆ ◆



## Al la urbo Córdoba kaj ĝia fruktriĉeco

Ho muro, ho vi altiĝantaj turoj
Fieraj signoj de majest', belego,
Ho reĝa andaluza riverego
Kun ĉarmaj bordoj antaŭ viaj muroj!

Ho ebenaĵ' fruktporta, ho montaroj
Sur kies suproj kuŝas suna oro,
Ho patra urb', plej kara vi al koro,
Per skribaj kaj heroaj gloraj faroj!

Se en la fama urbo historia
De l' Darro, de l' Genil' eĉ nur pensero
Pri vi perdiĝus, perlo kordovana

Neniam rajtu mi per vido mia
Pri turoj ĝoji, muroj kaj rivero
Pri montoj kaj eben', oh flor' hispana.

*Tradukis*, J. B.

## La amika strato

(ELEGIO)

Hodiaŭ, kun spirito malkuraĝa
pro perfida parol' kiu ĝin vundis,
de vi peti mi volas, ĉar serena
mi ĉiam trovas vin, plaĉan favoron.

Ni iru for. Ni faros promenadon
laŭ la bordo de l' mar'; kaj tra la rokoj
ni aŭskultos la kanton de la akvo
dum ĝi subiĝas en la nigrajn fendojn;
aer' portos al ni, en puraj ondoj,
odorojn de marbordoj malproksimaj,
ni metos niajn brakojn en la ŝaumon
kaj ni eltiros en l' avaraj manoj
la juvelosimilajn orajn muskojn.

Je la alven' sur l' izolitan rokon
(plej penetrantan en l' abismon klaran)



# A la ciudad de Córdoba y su fertilidad

¡Oh, excelso muro, oh torres levantadas
De honor, de majestad, de gallardía,
Oh, gran río, gran rey de Andalucía,
De arenas nobles, ya que no doradas!

¡Oh fértil llano, oh sierras encumbradas
Que privilegia el cielo y dora el día,
Oh siempre gloriosa patria mía,
Tanto por plumas como por espadas!

Si entre aquellas ruinas y despojos
Que enriquece Genil, y Darro baña,
Tu memoria no fué alimento mío,

Nunca merezcan mis ausentes ojos
Ver tus muros, tus torres y tu río,
Tu llano y sierra, ¡oh patria!, ¡oh flor de España!

J. Luis de Góngora y Argote.

# La calle amiga

Hoy, que tengo el espíritu cobarde
de un hablar de traición que me lo ha herido,
quiero pedirte a ti, que me serenas,
una merced, y te será gustosa.

Vamos de aquí. Daremos unos pasos
a la orilla del mar; entre las rocas
escucharemos el cantar del agua
al sumirse en las negras hendiduras;
el aire limpio nos traerá, en sus ondas,
emanaciones de remotas playas;
hundiremos los brazos en la espuma
para sacar en las avaras manos
las joyas color de oro de los musgos.

Al llegar a la roca solitaria
(la que entra más en el abismo claro)

ni haltos rigardadi kun fervoro
la profunde egalan horizonton.

Nek vi nek mi parolos, amikino,
pri la ĝuo rigardi nur atentaj.
La temp' iĝos muziko, desegnante,
super tia kvieto de belaĵoj,
de melodi' eterna la linion.
La lun' aperos kiam, ekludante
kun viaj haroj, la ventet' malvarma
metos de via kol' sur la blankecon
belan ektreman movon.
Kaj jen, mutaj,
en plena pac', sen interŝanĝ' de vortoj,
(ĉar, en la buŝoj niaj, samaj estas)
ni revenos vilaĝon trankvilecan
kiu kun hejma varmo nin atendas.

Ni eniros en ĝin tra tia strato
kie loĝadis vi, en infaneco.
Tie la maljunuloj, tiam junaj,
kiuj sidigis vin sur la genuoj,
certe diros al vi, dum vi trapasos,
tiujn malnovajn vortojn karesplenajn
kvazaŭ multjara vin' refortigantajn:
—*Adiaŭ.—Sanktan nokton.—Paco estu*
*kun vi.—Sanon al vi kaj la kunulo...*
En ĉiu nigra pordo estas lipoj
kiuj iam vin kisis kaj nun benas
la fortikecon vian kaj junardon.

Subite malfermiĝas jen fenestro
kaj virin' vin rigardas, ridetante.
Apud vi ŝi min vidas, pli ridetas,
kaj, kun fingro sur lipoj, ŝi murmuras:
—*¡Saĝecon!*—Same tra la tuta strato.

Trairante kun vi l' amikan straton
mi sentas amon al la homoj.
Venu,
por ke ĝuu la pian promenadon
mia spirit', hodiaŭ malkuraĝa
pro perfida parol' kiu ĝin vundis.

*El la hispana lingvo tradukis,*

JAKO GRAU CASAS.

nos pararemos a mirar, devotos,
la profunda igualdad del horizonte.

Ni tú ni yo diremos nada, amiga,
en la delicia del mirar suspensos.
El tiempo se hará música, trazando
sobre tanta quietud de cosas bellas
la línea de una eterna melodía.
Saldrá la luna a punto que, jugando
con tus cabellos, una racha fría
pondrá en la calma blanca de tu cuello
un estremecimiento.
Y así, mudos,
en paz completa y sin cambiar palabras
(que en tu boca y la mía están las mismas),
volveremos al pueblo recogido,
que con calor de hogar está tentándonos.

Entraremos al pueblo por la calle
donde habitabas tú de pequeñuela.
Allí los viejos de hoy, mozos de entonces,
que te llevaron niña en sus rodillas,
te dirán, al pasar, aquellas rancias
palabras de cariño de los viejos
que como un vino secular confortan:
*— Ve con Dios.—Santa noche.—La paz sea*
*contigo.—Salud tú y la compañía...*
En cada puerta negra hay unos labios
que un tiempo te besaron y hoy bendicen
la lozanía de tu marcha joven.

En un recodo se abre una ventana,
y una mujer te mira sonriendo.
Me ve a tu lado, vuelve a sonreirse,
y, con un dedo en los gastados labios,
dice:—¡Juicio!—Y así toda la calle.

Cruzar los dos por esta calle amiga
me hace amar a los hombres.
Ven, que quiero
gustar contigo el viático piadoso,
hoy, que tengo el espíritu cobarde
de un hablar de traición que me lo ha herido.

EDUARDO MARQUINA.

## IIIa IBERIA ESPERANTISTA KONGRESO, CÓRDOBA. LOKA KONGRESA KOMITATO

### Dua komuniko

1.e *Jamaj aliĝintoj:*

1. S-ro. Benigno de Luna Gómez, Madrid.
2. F-ino. Gloria de Luna Corral, Madrid.
3. F-ino. Josefina de Luna Corral, Madrid.
4. S-ro. José Perogordo Camacho, Madrid.
5. S-ro. Casiano Ruiz Ibarra, Madrid.
6. » Vicente Alonso Sanz, Madrid.
7. S-ino. Josefa Bascones, de Alonso, Madrid.
8. S-ro. Roberto Marauri, Málaga.
9. » Julio Mangada Rosenörn, Madrid.

(Ĉi tiuj publikigoj valoras samtempe kiel kvitancoj).

2e *Provizora maldetala programo:*

9a de majo 1925.—*Vespere:* Interkonatiĝa kunveno.

10 de majo 1925.—*Antaŭtgm.:* Solena malfermo.

*Posttgm.:* Ekskurso al montaro «Sierra de Córdoba».

11 de majo 1925.—*Antaŭtgm.:* 1a Laborkunsido.

*Posttgm.:* Vizito al la urbo kaj moskeo.—2a Laborkunsido.

12 de majo 1925.—*Antaŭtgm.:* 3a Laborkunsido kaj oficiala fermo.

*Posttgm.:* Vizito al muzeoj.

Postkongresaj ekskursoj estas projektitaj al

*a)* Sevilla.—Fervojprezo por iro kaj reveno IIa kl. 18 65, IIIa 11'25 pstj.

*b)* Granada: Aŭtomobile.—Prezo iroreveno po persono proksimune 50 pstj.

De nun la aliĝontoj bonvolu ankaŭ informi nin, ĉu ili deziras partopreni eks-

## III CONGRESO DE ESPERANTISTAS IBÉRICOS, CÓRDOBA. COMITÉ LOCAL DEL CONGRESO

### Segunda comunicación

1.º *Señores que ya se han inscrito:*

1. D. Benigno de Luna Gómez, Madrid.
2. Srta. Gloria de Luna Corral, Madrid.
3. Srta. Josefina de Luna Corral, Madrid.
4. D. José Perogordo Camacho, Madrid.
5. D. Casiano Ruiz Ibarra, Madrid.
6. » Vicente Alonso Sanz, Madrid.
7. D.a Josefa Bascones, de Alonso, Madrid.
8. D. Roberto Marauri, Málaga.
9. » Julio Mangada Rosenörn, Madrid.

(Esta publicación sirve al mismo tiempo de acuse de recibo.

2.º *Programa provisional no detallado:*

9 de mayo de 1925.—*Por la tarde:* Reunión de salutación.

10 de mayo 1925.—*Por la mañana:* Solemne apertura.

*Por la tarde:* Excursión a la cordillera «Sierra de Córdoba».

11 de mayo 1925.—*Por la mañana:* 1.a Sesión de trabajo.

*Por la tarde:* Visita a la ciudad y mezquita.—2.a Sesión de trabajo.

12 de mayo 1925.—*Por la mañana:* 3.a Sesión de trabajo y clausura oficial.

*Por la tarde:* Visita a los museos.

Se proyectan excursiones de postcongreso a

*a)* Sevilla.—Precio de ferrocarril, ida y vuelta 2.a clase 18'65, 3.a, 11'25 pesetas.

*b)* Granada: En automóvil.—Precio de ida y vuelta por persona próximamente, 50 pesetas.

Desde ahora, los que se hayan de inscribir sírvanse también decirnos si desean

kurson kaj kiun. La aranĝo ebligos la partoprenon en ambaŭ.

### Provizora tagordo por la laborkunsidoj

Ĉeftemo: Esperantista Konfederacio Hispana (Iberia).

Krom tio: Ekzamenoj kaj ekzamenaj komisioj.—Novaj vojoj por propagando (ekz. «Verda semanoj» laŭ bulgara modelo).

Specialaj laborkunvenoj de la regionaj Esperanto federacioj laŭ ilia deziro, kaj de U. E. A. anoj.

3e *Informvojaĝo al Sevilla.*

Dimanĉon la 18an de januaro samideanoj Fr. Azorín, J. Berger kaj J. Serrano Olmo vizitis la grupon en Sevilla, por priparoli la postkongresan ekskurson tien. La vigla seviljana esperantistaro tre kore akceptis ilin, kaj krom la afero priekskursa oni atingis tre verŝajnan sukceson koncernan al la preparata gravega Ekspozicio Ibero-Amerika en 1927. La 3a komuniko esperebIe jam povos certigi la aluditan sukceson kaj pli detale paroli pri ĝi.

Artikolojn pri tiu esperantista kunveno en Sevilla publikigis la ĵurnaloj seviljaj kaj kordovaj.

4e *Statistiko.*

Por kolekti ĉian materialon taŭgan por starigi nepre fidindan statistikon pri la esperantista movado hispana kaj por ke la Kongreso jam havu firman bazon por pluorganizado de tiu urĝa laboro, ni petas *ĉiujn* enlandajn esperantistojn, egale ĉu ili ĉeestos la kongreson aŭ ne, ke ili sendu al ni senprokraste iliajn adresojn kaj tiujn de grupoj kaj izoluloj. Grupestroj kaj delegitoj de U. E. A. sendu la liston de siaj membroj. Oni bonvole aldonu krom nomo kaj adreso profesion kaj eventualan anecon al esperantistaj societoj.

tomar parte en alguna excursión y cuál de ellas. Se arreglará que sea posible en ambas.

### Orden del día provisional para las sesiones de trabajo

Tema principal: Confederación Esperantista Española (Ibérica).

Además: Exámenes y comisiones examinadoras.—Nuevos métodos de propaganda (por ejemplo «La semana verde» según el modelo búlgaro).

Sesiones de trabajo especiales de las federaciones esperantistas regionales según sus deseos, y de socios de U. E. A.

3.° *Viaje de información a Sevilla.*

El domingo 18 de enero los *samideanos* Sres. Azorín, J. Berger y J. Serrano Olmo, visitaron el grupo de Sevilla para tratar de la excursión de postcongreso. Los activos esperantistas sevillanos, les recibieron cordialmente y además del asunto de la excursión se obtuvo un muy probable éxito concerniente a la importantísima Exposición Ibérico-Americana que se prepara para 1927. Es de esperar que en la tercera comunicación ya se podrá asegurar el aludido éxito y hablar de él con más detalle.

Los periódicos de Córdoba y de Sevilla ya publicaron artículos referentes a esta reunión esperantista en Sevilla.

4.° *Estadística.*

Con el fin de reunir todo material adecuado para hacer una estadística absolutamente fidedigna del movimiento esperantista español y para que el Congreso tenga ya una base firme para la ulterior organización de este trabajo urgente, pedimos a *todos* los esperantistas nacionales, lo mismo si han de asistir o no al Congreso, que nos envíen sin demora sus direcciones, las de los grupos y de esperantistas aislados. A los Presidentes de Grupo y los delegados de U. E. A. rogamos nos envíen las listas de sus miembros. Tenga a bien añadir al nombre y dirección, la profesión y eventual

Ekzistas en nia lando kredeble multe da malnovoj esperantistoj, kiuj estas preskaŭ perditaj por nia afero, ĉar ili estas sen kontakto kun la esperantista mondo. Ilin precipe ni volas regajni.

J. Berger,
*Sekretario.*

F. Serrano Olmo,
*Prezidanto.*

pertenencia a alguna sociedad esperantista.

Es de creer que existen en nuestro país muchos antiguos esperantistas, casi perdidos para nuestra causa, por que se encuentran sin contacto con el mundo esperantista. Principalmente son esos los que deseamos readquirir.

J. Berger,
*Secretario.*

F. Serrano Olmo,
*Presidente.*

---

## EL BARCELONO

### La sendestacio «Radio Barcelona» akceptas Esperanton

La senda stacio «Radio Barcelona», laŭ la ekzemplo donita de multaj aliaj eksterlandaj stacioj, akceptis Esperanton por la konferencoj, kantoj, deklamadoj, k. t. p., kiujn ĝi dissendos en kelkaj el siaj programoj; kaj por tion atingi, tre speciale interesiĝis nia amiko la fervora esperantisto D-ro. Bartoméu, membro de la Nacia Radio-Asocio, kiu estas la posedanto de la dirita stacio.

Akceptante Esperanton, «Radio Barcelona», kiu ĝis nun meritis la plej grandajn laŭdojn, estas pruvinta denove, ke Radio povas alporti multvalorajn servojn al la kulturo, kiel estis evidentigita kiam ĝia mikrofono estis uzata de konferencantoj tiel famaj kiel S-roj. Aunós, Komas kaj Solá, Kasteljó, k. t. p., kaj speciale menciinda estas nia talenta amiko la advokato S-ro. Rómulo S. Rokamora, kiu, parolante pri la temo «Socia graveco de Esperanto kaj Radiotelefonio», ko-

## DESDE BARCELONA

### La emisora «Radio Barcelona» acepta el Esperanto

La estación emisora «Radio Barcelona», siguiendo el ejemplo de otras muchas del extranjero, ha aceptado el Esperanto en las conferencias, cantos, recitales, etc., etc., que emitirá en parte de sus programas, para conseguir lo cual se ha interesado muy especialmente nuestro amigo y ferviente esperantista el Dr. Bartoméu, miembro de la Asociación Nacional de Radiodifusión, que es la propietaria de la mencionada estación.

Al aceptar el Esperanto, «Radio Barcelona», que hasta el presente se ha hecho digna de las mejores alabanzas, ha demostrado una vez más que la Radio puede prestar servicios valiosísimos a la cultura, como ya se evidenció al pasar ante su micrófono conferenciantes tan ilustres como son los Sres. Aunós, Comas y Solá, Castelló, etc., etc., recordando de un modo especial a nuestro amigo el culto abogado D. Rómulo S. Rocamora que, con el tema «Trascendencia social

mencis la 6an de l' kuranta monato tiun serion de esperantistaj agoj.

Inter la esperantistoj, kiuj baldaŭ sin prezentos antaŭ la stacio «Radio Barcelona», estas enskribitaj: la kantistino F-ino. Palmira Kastelví; la prezidanto de Kataluna Esperantista Federacio, S-ro. Delfino Dalmáu; la poeto S-ro. Jako Grau; kaj D-ro. Mariano Solá.

Pri la graveco kaj famo akiritaj de «Radio Barcelona» sub la lerta direktado de la entuziasma inĝeniero S-ro. Guillén García, sufiĉe diras la multvaloraj gratuloj, kiuj ĉiutage estas ricevataj ĉe la Nacia Radio-Asocio, al kiuj ni, la esperantistoj, aldonas la nian.

---

La revuo «Radio Barcelona», oficiala organo de Nacia Radio-Asocio, publikigis en sia 23a numero artikolon tre interesanta por Esperanto, ŝuldata al la plumo de ĝia kunlaboranto S-ro. D-ro. Ramón Bartoméu.

del Esperanto y la Radiotelefonía», inició el día 6 de los corrientes esta serie de actos esperantistas.

Entre los esperantistas que en breve desfilarán por «Radio Barcelona», figuran: la cantatriz Srta. Palmira Castellví; el presidente de «Kataluna Esperantista Federacio» D. Delfín Dalmáu; el poeta D. Jaime Grau, y el Dr. D. Mariano Solá.

De la importancia y relieve adquiridos por «Radio Barcelona» bajo la experta dirección del entusiasta ingeniero Sr. Guillén García, dicen lo suficiente las valiosas felicitaciones que a diario se reciben en la Asociación Nacional de Radiodifusión, y a las cuales unimos la nuestra los esperantistas.

---

La revista «Radio Barcelona», órgano oficial de la Asociación Nacional de Radiodifusión, insertó en el número 23 un artículo de mucho interés en pro del Esperanto, debido a la pluma de su colaborador el Dr. D. Ramón Bartoméu.

---

## SCIIGOJ

La unuajn tagojn de tiu ĉi monato ni estis agrable surprizitaj per la vizito de nia sevilja samideano S-ro. Ceferino Berloz, kiu venis en Valencion, akompanante la Sevillan Sinfonian Orkestron, por ludi en nia Ĉefa Teatro *música di camera* de famaj hispanaj aŭtoroj. Ni babiladis kun nia amiko kaj rememoris kun li la neforgeseblan pioniron de esperanto en Sevilla, S-ron. Trinidad Soriano, kies sekreta-

## NOTICIAS

En los primeros días del mes actual fuimos agradablemente sorprendidos con la visita de nuestro sevillano colega don Ceferino Berloz, quien vino a Valencia acompañando a la Orquesta Sinfónica de Sevilla para ejecutar en nuestro Teatro Principal *música di camera* de afamados autores españoles. Charlamos con nuestro amigo y recordamos con él al inolvidable campeón de esperanto en Sevilla,

rio estis S-ro. Berloz ĝis la lastaj tagoj de lia vivado.

---

La Prezidanto de la Administracia Konsilantaro de la Specimena Valencia Foiro ricevis ĝentilan inviton de la Spezestro de la Pariza Komerca Ĉambro, S-ro. Andrés Baudet, por ke tiu-ĉi Foiro sendu sian oficialan delegiton al la Internacia Konferenco por la uzado de Esperanto en komerco kaj industrio, okazonta en Parizo de la 14ª ĝis la 17ª tago de venonta majo, sub la protektado de tiu Ĉambro kaj tiun de la Komitato de la Pariza Foiro.

Estus dezirinde ke tiel la Specimena Foiro, kiel la Oficiala Komerca Ĉambro Valencia, estus sendontaj al tiu Konferenco decan reprezentantaron.

---

Nia kara samideano kaj Direktoro de LA SUNO HISPANA, la lerta esperantisto S-ro. Manuel Caplliure, de la pasinta novembro, klarigas kurson de Esperanto en la Valencia Universitato, por komencantoj.

En tiu kurso partoprenas la lernadon de nia helpa lingvo 20 lernantoj, kiuj, tiel bone profitas la klarigadon de S-ro. Caplliure, ke ni esperas fruktodonan rezultaton por ili kaj por la estonteco de Esperanto en nia lando, ĉar inter la lernantoj estas kvar profesoroj de unuagradaj lernejoj, kiuj certe propagandos nian lingvon tuj kiam illi atingos la oficialan postenon por difinita publika lernejo.

Ni gratulas la profesoron kaj la lernan-

D. Trinidad Soriano, cuyo secretario fué el Sr. Berloz hasta los últimos días de la vida de aquél.

---

El Presidente del Consejo de Administración de la Feria Muestrario de Valencia ha recibido atenta invitación del Jefe de la Depositaría de fondos de la Cámara de Comercio de París, Mr. Andrés Baudet, para que esta Feria envíe un delegado oficial de la misma a la Conferencia Internacional que, para el uso del Esperanto en el comercio y en la industria, se celebrará en París del 14 al 17 de mayo próximo, bajo el patronato de aquella Cámara y del Comité de la Feria de París.

Sería de desear que tanto la Feria Muestrario, como la Cámara Oficial de Comercio de Valencia, enviaran a esa Conferencia conveniente representación.

---

Nuestro querido colega y Director de LA SUNO HISPANA, el inteligente esperantista D. Manuel Caplliure, desde el pasado noviembre, explica un curso de Esperanto en la Universidad de Valencia, para principiantes.

En ese curso toman parte en el estudio de nuestra lengua auxiliar 20 alumnos, los cuales, tan bien aprovechan las explicaciones del Sr. Caplliure, que esperamos un resultado fructífero para ellos y para el porvenir del Esperanto en nuestro país, pues entre los alumnos hay cuatro profesores de instrucción primaria, quienes seguramente propagarán nuestro idioma tan pronto como obtengan la credencial para escuela pública determinada.

Felicitamos al maestro, a los alumnos

tojn de tiu esperanta kurso, kaj nin mem.

---

Ni plezure informas niajn legantojn ke la angla monata revuo *Experimental Wireless*, pro la antaŭnelonga decido de la *American Radio Relay League* subteni Esperanton, intencas rezervi unu aŭ pli da paĝoj, en ĉiu eldono, por teknikaj artikoloj en Esperanto, tiel ke tiu gazeto, kvankam presita preskaŭ tute anglalingve, interesos senfadenamantojn alilandajn.

Ni ricevis la februaran numeron de tiu gazeto, kiu enhavas 5-paĝan Esperantan-Anglan Radio-Vortaron, kaj kelkajn artikolojn esperante verkitajn de sinjoro Harry A. Epton, Honora Sekretario de la Internacia Radio-Asocio, kies nomon kredeble jam oni bone konas.

La ĉiujara kotizaĵo de *Experimental Wireless* estas 15 ŝ. (20 svisaj frankoj); sed ankaŭ oni povas ricevi unuopan ekzempleron de tiu gazeto po 1 ŝ. 3 p. (1'50 svisaj frankoj) pagataj prefere per poŝtmandato.

Adreso: Iliffe & Sons Ltd. Dorset House, Tudor Street, London, E. C. 4.

---

Nia afero kreskas en nia Regiono. Niaj diligentaj samideanoj, la lerta okulkuracisto kaj urbestro de Benetúser sinjoro Josefo Peris López kaj la inteligenta profesoro de ĝia nacia publika lernejo S-ro. Leonardo Mingarro, laboras kun granda entuziasmo por la starigo de esperantista klubo en nia apuda kaj bela ur-

de ese curso esperantista y a nosotros mismos.

---

Con satisfacción informamos a nuestros lectores que la revista mensual inglesa *Experimental Wireless*, en virtud del reciente acuerdo de la *American Radio Relay League* de apoyar al Esperanto, se propone reservar una o varias páginas, en cada edición, para artículos técnicos en Esperanto, al efecto de que, aunque dicha revista se halla impresa, casi toda ella, en lengua inglesa, llegue a interesar a los aficionados a la telefonía sin hilos de otros países.

Hemos recibido el número de febrero de dicha revista, el cual contiene cinco páginas de un diccionario esperanto-inglés de Radio y algunos artículos en esperanto, debidos al Sr. Harry A. Epton, Secretario Honorario de la Asociación Radio Internacional, cuyo apellido creemos es ya bastante conocido.

La cuota anual de *Experimental Wireless* es de 15 chelines (20 fr. suizos); pero también se puede recibir un solo ejemplar del periódico por un chelín, tres peniques (1'50 fr. suizos) pagados con preferencia por cheque postal.

Dirección: Iliffe & Sons Ltd. Dorset House, Tudor Street, London, E. C. 4.

---

Nuestro asunto crece en nuestra Región. Nuestros diligentes colegas el experto oculista y alcalde de Benetúser D. José Peris López y el inteligente maestro de aquella escuela pública nacional D. Leonardo Mingarro, trabajan con gran entusiasmo por el establecimiento de un club esperantista en nuestra vecina y

beto. S-ro. Mingarro nune klarigas kurson de Esperanto por komencantoj kaj laŭ li diris al ni, eble en lo Kongreso de Liria S-ro. Peris López povos inviti la regionajn esperantistojn por okazigi la III[an] Kongreson de la *Federación Esperantista Levantina* en Benetúser.

Vivu Esperanto kaj antaŭen!!!, karaj samideanoj.

bella población. El Sr. Mingarro actualmente explica un curso de Esperanto para principiantes y, según nos ha dicho, es muy posible que en el Congreso de Liria el Sr. Peris López pueda invitar a los esperantistas regionales para celebrar el III Congreso de la *Federación Esperantista Levantina* en Benetúser.

¡¡¡Viva el Esperanto y adelante!!!, queridos colegas.

## LASTA SCIIGO

La 8[an] de marto je la 5 $^1/_2$ posttagmeze, S-ro. Delfín Dalmáu esperante parolados pere de «Radio-Barcelono» (ondolongeco 325 met.), pri «XII[a] Kongreso de K. E. F. kaj XI[aj] Internaciaj Floraj Ludoj ĉe Palma de Mallorca».

## ULTIMA NOTICIA

El día 8 de marzo, a las cinco y media de la tarde, D. Delfín Dalmáu hablará en esperanto por medio de la Radio-Barcelona» (longitud de onda 325 metros) acerca de «El XII Congreso de K. E. F. y sus XI[os] Juegos Florales Internacionales en Palma de Mallorca».

## Esperantistaj gazetoj laste ricevitaj en nia Redakcio

*Esperanto*, oficiala organo de *Universala Esperanto-Asocio*, 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Suiza).
*Amerika Esperantisto*, 507 Pierce Bldg., Copley Square, Boston, 17 (Mass. U. S. A.).
*Revista del Ateneo*, Antonio Vico, 27, Jerez de la Frontera (Hispanio).
*El Aula*, órgano de la hispanaj studentoj, Juan de Mena, 11, pral., Madrid.
*Agrupación Escultista*, Argentona, 3 y 5, Gracia (Barcelona, Hispanio).
*La Suda Kruco*, Box 731, Elizabeth-str., P. O., Melbourne (Australio).
*Aŭstria Esperantisto*, Hovengasse, II, 13, Korneuburg apud Wien (Aŭstrio).
*Le Monde Esparantiste*, 3, rue Sophie-Germain, París.
*La Fervojisto*, Jezuitska ulica 1, Zagreb (Jugoslavio).
*Esperantio*, Berlin-Charlottenburg 2, Fach, 18 (Germanio).
*Arguso*, dumonata revuo, Apartado postal 2.482, Mexico, D. F.
*La Revuo Orienta*, Uŝigome, Ŝin' Ogaŭmaĉi III-14, Tokío (Japón).
*La Verda Lumo*, 737 Avenue Foch, Shanghai (China).
*Movado*, Kauppiask, 11 Kopmansg, Helsinki (Finlandio).
*Literaturo*, 17, Hart-Street, London W. C. 1.
*Itala Esperanta Revuo*, S. Vito al Tagliamento, Friuli (Italio).
*Kataluna Esperantisto*, Carme, 30, Barcelona (Hispanio).
Al ĉiuj ni sendas interŝanĝe nian revuon.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA